12 APRILO 1907. Unu Numero : 10 CENTIMOJ TRIA JARO. — № 5

# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ABONO**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Unu Jaro | 3 fr. | 2 1/2 m. | 2 1/2 ŝ. |
| Helpabono | 10 fr. | 8 m. | 8 ŝ. |

Oni abonas ĉe la Administracio
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève
aŭ ĉe la lokaj agentoj.

**DIREKTORO :**
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)

Bulgara Eldono : N. B. Kovaĉef, Sofio

**REKLAMO**

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 paĝo | Fr. 240.— | 1/4 kolono | Fr. 16.— |
| 1 kolono | » 60.— | 1/8 » | » 9.— |
| 1/2 » | » 30.— | 1/16 » | » 5.— |

25 % por 12 anoncoj ; 50 % por 24 anoncoj.

Ĝenerala Agento : G. WARNIER, 46, Rue Sainte-Anne, Paris, 2e.

## Kiel uzi Esperanton ?

(II)

*Komercistoj kaj Esperanto. — Esperanto Oficoj. — Iliaj servoj. — Ilia utileco al la publiko*

Se neesperantisto demandas nin pri tio, kio jam okazis pri la enkonduko de Esperanto en la komercon kaj pri la utilo ricevebla de la negocistoj per nia lingvo, ni devas konfesi, ke, ĝis nun, la komercistaro, krom kelkaj individuaj esceptoj, restis skeptika aŭ indiferenta pri nia movado. Efektive, la komercistoj venos al la Esperanta afero, nur kiam ili konstatos, ke ili povas ricevi veran profiton per ĝia uzo. Tamen, ŝajnas, ke la momento venis por serioze ekagi laŭ tiu vojo, kaj fari nian eblon por ke, iom-post-iom, Esperanto estu enkondukata en la komercajn rondojn. Sed kiel ataki tiun novan kampon kaj allogi la aferistojn al nia movado ? Ni provu ekzameni mallonge, kion ni povas jam fari per niaj propraj nuntempaj rimedoj.

El nia lasta artikolo, ni eltiris la jenajn konkludojn pri la necesegeco de helplingvo por la komercistoj : Unue ekzistas multaj komercistoj, por kiuj Esperanto ne estas nepre necesega, pro tio, ke iliaj entreprenoj estas pure lokaj aŭ naciaj. Due, sufiĉus, se, dum la nuna tempo, troviĝus en ĉiu grava firmo, persono, kiu povus korespondi per Esperanto. Sed ni insistis pri tiu punkto, ke la komercaj interkomunikoj estos ĉefe *skribaj*. La precipa afero sin prezentas do tia : Oni povu al ia komerca firmo skribi en Esperanto kaj estis certa, ke la letero estas komprenata kaj same respondata.

Por trafi tiun celon, oni povas agi laŭ du manieroj : Aŭ klopodi al ĉiu tenisto de firmo izole por ke li lernu Esperanto ; tio postulas certe multe da tempo kaj paciencо, tiom pli, ke oni sin turnas al homoj, kiuj plej ofte ne havas la tempon por lerni lingvon, eĉ facilan. Aŭ proponi al la komercistoj, ke ili provu uzi Esperanton, kvankam ne bezonante por tio lerni ĝin. Tia maniero, se ĝi estas internacie alprenata, povas, jam en la nuna tempo, liveri tute ŝatindajn rezultatojn, ĉar por ĝin apliki, oni bezonas nur vivigi tion, kio jam ekzistas.

Oni scias, ke, jam en kelkaj urboj, laŭ la iniciato de nia samideano Th. Rousseau, fondiĝis publikaj Esperanto-Oficoj, kiuj celas utiligi Esperanton al la neesperantistoj, speciale al la aferistoj. Tiuj oficoj promesis traduki ĉiujn esperante skribitajn korespondaĵojn senditajn al la komercistoj de sia urbo, komuniki la esperante redaktitajn prospektojn al la esperantistoj kaj aliaj Oficoj en la mondo, preni sur sin la senpagan esperantigon de la komercaj reklamiloj, katalogoj, k. t. p. Tiamaniere, ĉiu komercisto povas uzi Esperanton, ne lernante ĝin. Notinda estas la fakto, ke por krei Esperanto-Oficon, sufiĉas, ke, en ĉiu loko, estu unu esperantisto ; kompreneble, en la gravaj urboj, povas kreiĝi speciala grupa sekcio, kiu speciale zorgos pri la aferoj kun la komercistoj kaj havos, se eble, difinitan magazenon por elmontri siajn komunikojn, kiel jam en multaj francaj urboj. Ankaŭ la konsulo, kiu utilas ĉefe al la esperantistoj, povas preni sur sin la prizorgadon de la Ofico, ĉar en la komenco la laboro estos malgrava.

Ni nun konsideru kelkajn iafoje faritajn kritikojn. Unue, la financaj elspezoj. Ili estas tre malgrandaj, ĉar la Esperanto-Ofico bezonas presigi nur cirkuleron por konigi sian celon al la komercistoj en sia urbo ; la poŝtelspezoj estas pagataj de la uzantoj mem, kaj oni povas esperi, ke la kumercistoj, al kiuj servas la Oficoj, ilin monhelpos iom-post-iom. Due, oni diras, ke Esperanto devas utili nur al la esperantistoj, kaj se iu deziras ĝin uzi, li devas aŭ lerni ĝin aŭ pagi por ĉiuj tradukaj laboroj. Laŭ nia opinio, tia rezonado estas malprava. Efektive en la komenco, la leteroj kaj servoj petataj estos verŝajne malmultaj, kaj sekve la laboro malgranda ; poste, ili fariĝos pli-kaj-pli multaj, sed tiam oni povas esti certa, ke, kiam negocisto vidos, ke li ricevas kelkajn esperante skribitajn leterojn, li tuj postulos, ke unu oficisto lernu Esperanton. Aliparte, ne nur la komercistaro, sed ankaŭ la publiko esperantista ricevos grandan utilon de tio, ĉar en ĉiu loko, kie estas Esperanto-Ofico, esperantisto povos skribi al komerca firmo per nia lingvo kaj ricevos ankaŭ esperantan respondon. Se tiu rezultato estus atingita — kaj tion nenio malhelpas — oni povus diri, elmontrante faktojn, ke Esperanto vere utilas ; tiam la komercistoj, la veraj interesatoj, ne ŝancelos veni al ĝi.

Ni konkludas : estas treege dezirinde, ke ĉie fondiĝu Ofico, per kiu la publiko povos uzi Esperanton Ni tre forte admonas ĉiujn grupajn estrarojn aŭ izolajn esperantistojn, ke ili pripensu tion kaj konigu sian intencon, ĉar nur se la afero estas internacie efektivigita ĝi povos prosperi [1].

En la venonta fojo, ni ekzamenos, kion ĉiu esperantisto povas siaflanke fari por helpi al la agado ĉe la komercistoj.

H. H.

(1) Ni plezure sendos al ĉiuj personoj, kiuj dezirus krei tian Oficon informaron pri detalaj punktoj, kiujn ni ne povis priparoli tie ĉi.
Oni nur petu ĝin de nia administracio.

# TRA LA MONDO

### Hispanujo

Aprilo 1907

En la Madrida teatro Princesa, oni unuafoje prezentis la 18an de marto la komedion titolitan « La gajaj karaj amikinoj », kies aŭtoro estas S-ro Caterino Patencia. La agado okazas en la altranga societo, kaj sur la scenejo aperas plej diverscelaj personoj : nobelulinoj, okazaj politikistoj, pretendemaj akademianoj. k. a. kiuj sin dediĉas al reciproka babilado. La dialogo estas ĉian amuza, sprita kaj trafa, kaj la celo de la verko, se ne tre interesa, almenaŭ estas tre lerte disvolvita. La publiko favore akceptis la komedion. En sia belarta salono, S-roj Amaré organizis ekspozicion de pentrajoj, kiu estas tre vizitata de la Madrida publiko. La verkoj estas faritaj de la juna valencia pentristo. S-ro Emanuelo Benedito kaj estas multenombraj. Benedito estas tre talenta artisto, disciplo de la fama pentristo Sorolla, kaj en ĉiuj liaj kreajoj, oni konstatas tiun koloran solidecon kaj freŝecon, kiuj karakterizas lian stilon. Inter la verkoj prezentitaj en tiu ekspozicio, oni povas admiri plej diversspecajn : grandiozajn kreajojn, naturajn skizojn, portretojn, familiajn scenojn, k. a.

La 19an de marto alvenis al la hispana ĉefurbo la reĝo de Saksujo, Frederiko Aŭgusto III, kiu estis tre simpatie akceptita de la hispanreĝa familio kaj de la madrida publiko. La hispana reĝo kun la marafera ministro baldaŭ veturos Kartaĥenon por tie atendi la viziton de la angla reĝo Edvardo. Tamen oni ne kredas, ke la angla reĝo vizitos nun la ĉefurbon. La vizito de la angla reĝo respondas al tiu, kiun al li faris la hispana en Cowes. Pro tiu kaŭzo, venos Kartaĥenon angla ŝiparo, konsistanta el 12 militŝipoj.

En la scienca kaj literatura Ateneo de Madrido okazis la 20an de marto solena vesperfesto en honoro de la glora norvega dramaŭtoro Henriko Ibsen. Lo festo komencis per la legado de kelkaj priibsenaj artikoloj el famaj hispanaj verkistoj kaj per elokventa parolado de la Madrida universitata profesoro Ovejero pri la simbolismo de la norvega eminentulo. Poste tre bonaj artistoj prezentis la trian akton de *La Spektroj*.

La hispana politiko estas nun en balotprepara periodo. La elekto de la deputatoj okazos la venontan monaton kaj ĉiuj politikistoj dediĉas sin al tiu por ili ĉefgrava afero. La ministroj preparas nun la budĝeton por la jaro 1908. Oni kredas, ke gravaj reformoj estos faritaj pri la marafera budĝeto. La unua projekto, kiun oni prezentos al la parlamento, celos la reformon de la loka administracio.

Esp. 5597.

### Hungarujo

Budapesto, aprilo 1907

La plej ĉefa politika afero, la limimposta kontrakto kun Aŭstrujo, okupas nun la hungarajn politikistojn. Oni scias, ke la favora limimposta politiko estas tre grava por ia ajn nacia ekonomia vivado, precipe ĉe ni Hungaroj. Hungarujo kaj Aŭstrujo havis ĝis nun komunan limimpostan regionon, kiu estas por ni tre malfavora. Nia lando estas kampara kaj Aŭstrujo havas industrion. Nature la rilatoj povus esti idealaj se unue la movado de la aŭstra industrio estus egala kun la movado de nia terkulturado, due se la komunaj limimpostaj kontraktoj ne nur por Aŭstrujo, sed ankaŭ por ni estus favoraj. Sed la afero estas tute alia, kiel ni povas ekvidi el la sekvantaj aferoj. Por la monarkio aŭstrahungara, nur duflanke estas gravaj la limimpostaj kontraktoj ; flanke de Germanujo kaj flanke de la balkanaj landoj. Kontraŭ Germanujo, Aŭstrujo defendis sian industrion per la kontraktoj, ne permesante importi la produktaĵojn de germana industrio ; aliparte la importada envetturado de hungaraj terkulturaĵoj en Germanujon estas malpermesata. Tiel egaliĝas la kontrakto, laŭ la vidpunkto de egalŝarĝigo, sed tute ne laŭ la vidpunkto de hungara nacio. Aŭstrujo gajnis, ĉar ĝi povis defendi sian industrion kontraŭ Germanujo, sed ni perdis, ĉar unue ni devas aĉeti altpreze la senkonkuran aŭstran industriaĵon ; due ni perdis la germanan klientaron. Kun la balkanaj landoj, oni faris ĝis nun la kontraktojn tiamaniere : Aŭstrujo serĉante kiel eble plej multe da klientoj por sia industrio jene kontraktis kun la balkanaj landoj : ĝi enlasas la balkanajn terkulturaĵojn kaj interŝanĝe havas la permeson eksporti siajn industriajn produktaĵojn Serbujon, Turkujon, Rumanujon, k. t. p. Kio fariĝas nun ? Unue ni ricevas en nia propra lando konkurantojn en la rumana greno, serba porko kaj bovo, k. t. p. ; niaj bienuloj tute ne povas valorigi siajn produktaĵojn en propra lando, devas malkare fivendi ne havante klienton, sed havante konkurantojn ; due, ne povas fariĝi nacia industrio ĉar la aŭstra industrio ne havas konkurantojn malgraŭ ke ni havas ĉiun bezonan ilon, ŝtofon, rimedon. La nova limimposta politiko celas do starigi memstaran, sendependan hungaran limimpostan regionon, ĉar nuntempe finiĝas la malnovaj kontraktoj.

A. de MARICH, konsulo.

### Svisujo

Berno, Aprilo 1907

La atento de la svisa kaj ankaŭ fremda publiko estis forte altirita al la urbeto Thun, kie okazis la proceso de la juna rusa revoluciulino Tatiana Leontieff, kiu erare mortigis parizan rentulon anstataŭ la rusa ministro Durnovo. Oni scias, ke ŝi estis kondamnita je kvar jaroj en malliberejo. Tiun indulgemon de juĝistaro, ordinare tre severa, kaŭzis diversaj cirkonstancoj, kiuj favoris la kulpulinon. Unue ŝia individueco mem. Tre juna, ŝi ne persekutis la ordinarajn vantaĵojn, kiuj priokupas ŝiajn samaĝulinojn ; en ŝian sinceran animon facile rebrilis kaj efikis la malbelaĵoj, kiujn ŝi vidis, la teruraĵoj, pri kiuj ŝi aŭdis : la flamaj alvokoj de la teruristoj ŝin ektuŝis, kaj ŝi decidis de tiam mortigi homon, al kiu estis aljuĝataj multaj krimoj. Ankaŭ la legaĵoj influis ŝian spiriton ; tion ŝi vidigis per la prediko, kiun ŝi faris ĉe la lasta kunveno, kaj en kiu montriĝis samtempe naiva senmetodeco kaj senlima kompato al la mizeruloj. Due, tre efikis la fakto, ke en sia malliberejo Tatiana estis frapita de la esplorjuĝisto ; tiu skandalo, certe ne honoriga, iel aliigis la opinion. Fine, la akra kritiko de la rusaj aferoj kaj la rakontoj pri la teruraĵoj okazintaj en la rusa imperio, atestitaj de ĉeestinto mem, faris tre gravan impreson. Tiujn diversajn motivojn tre lerte kunaranĝis la advokato de la juna revoluciulino, insistante pri ŝia duona respondebleco kaj eĉ laŭdante ŝian memoferemon. Oni diris prave, ke la kvar jaroj de puno pagas la eraron faritan, ke la malgraveco de la puno entute estas publika kondamno de la rusa politiko.

Strikoj okazis en franclingva Svisujo, speciale en kantono Vaud. La ĉokoladistoj unue strikis petante interalie pliigon de salajro. Ne ricevinte kontentigon, ili strikis, kaj pro solidareco, ĝenerala striko okazis en Laŭzano kaj poste en Genevo. En la kantono Vaud, la registaro alvokis la soldatojn. Cetere, la striko ne daŭris longatempe, tial ke la ĉokoladistoj ricevis parton de siaj postuloj. Svisujo nun estas en sufiĉe kritika ekonomia periodo. La industrio, dum la lastaj dekjaroj, faris tre gravajn progresojn, kaj en multaj lokoj, kie antaŭe la loĝantaro sin okupis pri terkulturado, konstruiĝis fabrikejoj kaj prosperas gravaj industriaj firmoj. Kune kun la plikariĝo de la limimpostoj, fervore dezirata de la agristoj, plikariĝis la kosto de la vivado. Aliparte, ĉar Svisujo estas en la centro de Eŭropo, en la punkto, kie renkontiĝas la gravaj internaciaj vojoj, la fremduloj enloĝiĝantaj fariĝas pli-kaj-pli multaj, kaj ili sin okupas ĉefe pri industrio, dum la enlandulojn okupas komerco aŭ terkulturado. De tio sekvas oftaj malkompreniĝoj en la ekonomiaj konfliktoj.

La popola iniciato kontraŭ la vendado de la absinto kolektis pli ol 160.000 subskriboj ; tio estas tre grava rezultato. Laŭ la federala konstitucio, ĉiu propono, kiu estas apogata de 50.000 regnanoj almenaŭ, estas voĉdone solvata de la popolo mem. Sendepende de la supra propono, kiu celas tutan Svisujon, la kantono Vaud jam malpermesis la vendadon de l'absinto en sia teritorio ; pri la sama demando baldaŭ decidos la ĝeneva popolo. Rimarkinde estas, ke tiuj kantonaj decidoj konservos sian efikon, eĉ se la malpermeso proponata estus malakceptata de la svisa popolo — kaj tion oni ne antaŭvidas. Tiu movado estas la konsekvenco de la lastaj teruraj krimoj, kiujn en Svisujo kaŭzis absintismo.

A.

## Tutmonda Kroniko

*Marto. 15. Vieno.* — Striko de la panistoj.

*16. Sofio.* — Princo Ferdinando komisias S-ron Gudeff por formi novan ministraron.

*Rosseln (Loreno).* — Eksplodo en la minejo Rosseln ; 75 pereintoj.

*Centrameriko.* — Generalo Barahona, el Honduras, venkas ĉe Maleras 3.000 revoluciulojn.

*17. Virginio (U. S. A.).* — Grava superakvado ; 50 pereintoj.

*Nov-Jorko.* — Terura brulado detruas la komunistan kolonion de Hilcon-hall-home.

*Urugvajo.* — Alvaro Guillot formas novan ministraron.

*Anglujo.* — Ventegoj ; en la markolo « Manche » pereas la vaporŝipoj Jebba kaj Sueric pro nebulo ; neniu pereinto.

*18. Parizo.* — Neatendite mortas la fama ĥemiisto Marcelin Berthelot, aŭdante la sciigon pri la morto de sia edzino.

*19. San-Remo.* — Mortas la rusa eksministro grafo Lamsdorff.

*20. Rumanujo.* — Ribelo de la kamparanoj kontraŭ la bienposedantoj. Pli ol 30.000 Izraelidoj forkuras ; konfliktoj kun la soldatoj.

*22. Londono.* — La ĉambro de la Komunumoj malakceptas la proponon enkonduki la metran sistemon en Britujon.

*Centrameriko.* — La Nikaragva armeo venkas la Hondurasanojn kaj San-Salvadoranojn, kaj almilitas la havenon Ceiba.

*24. Marokujo.* — La enlanduloj inside mortigas la francan kuraciston, D-ron Mauchamp.

*25. Parizo.* — La registaro decidas la provizoran okupon de Oudja pro la mortigo de D-ro Mauchamp.

*Berlino.* — Mortas la fama ĥirurgiisto Bergmann havanta 76 jarojn.

*Krefeld (Germanujo).* — Mortas princo de Aremberg, unu el la estroj de la katolika partio germana.

*26. Centrameriko.* — La Nikaragvanoj okupas la ĉefurbon de Honduraso.

*Svisujo.* — Strikoj en diversaj franclingvaj urboj.

*27. Thun (Svisujo).* — Tatiana Leontieff estas kondamnita je 4 jaroj de malliberejo.

*23. Peterburgo.* — Mortas S-ro Pobiedonoszef, eksprokuratoro de la rusa Sinodo.

*29. Romo.* — Mortas kardinalo Luigi Macchi.

*29. Konstantinoplo.* — Bombo estas jetita en la kvartalo Pera ; 11 vunditoj.

*30. Madrido.* — La reĝo disigas la Parlamenton.

*31. Rappalo* (Italujo). — Renkontiĝo inter princo de Bulow kaj S-ro Tittoni.

# INFORMOJ

### Leĝoscienco

*Aŭstrujo.* — Antaŭ sia finiĝo, la aŭstra Parlamento tre diligente laboris. En la lastaj monatoj, ĝi akceptis amason da diversaj leĝoj poste sankciigitaj de la imperiestra registaro. La ĉefa laboro, kiu ekscitis grandan batalon, kaj longan laboron estis la renovigo de la konstitucio. Oni enkondukis la novan balotrajton, laŭ kiu la baloto fariĝos komuna egala, senpera, sekreta. El la amaso de l'aliaj leĝoj, estas citindaj : kontraktoj de l'ŝtato kun diversaj vaporŝipaj societoj, leĝoj pri la komunumaj kompromisoficejoj, pri la pligrandigo de salajroj de l'ŝtatoficistoj, la leĝo pri la ĉeko kaj pri la « societoj kun limigita garantidevo de la societanoj ». Laŭ ĝi, ĉeko havas pli grandan pagvaloron ol kambio. La cititaj societoj estas kuniĝoj, kiuj ne bezonas tiom da kapitalo ol akciaj societoj, ankaŭ ne tian klopodigan gvidadon. Pluajn sciigojn pri kelkaj suprenomitaj leĝoj ni donos venontan fojon.

M. Klein.

*Metra sistemo.* — La brita Parlamento malakceptis la proponon pri la apliko de la metra sistemo de la pezoj kaj mezuroj en Britujo kaj en britaj kolonioj. Dum la diskutado oni opiniis, ke la publiko ne jam estas preparita por ke la Parlamento povu trudi al ĝi tiun novan sistemon. La plej multaj anglaj komercistoj rilatas kun Unuiĝitaj Statoj, Ekstrem-Oriento kaj britaj kolonioj, kiuj ne uzas la metran sistemon ; oni do, enkondukante tiun sistemon, ĉesigus la malsuperecon de la fremdaj konkurantaj komercistoj en tiuj landoj. La metra sistemo estos enkondukebla en Britujo, nur kiam la komercistoj ĝin konsentos.

En Danujo, kontraŭe, la Parlamento definitive akceptis la projekton de la registaro koncerne la enkondukon de la metra sistemo.

T. G.

*Kolonia movado.* — S-ro Hubert, franca deputato, faris en Berlino gravan paroladon ĉe la Kolonia Germana Asocio por instigi interkonsenton inter Francujo kaj Germanujo pri la koloniaj demandoj. Multaj altranguloj ĉeestis. En sia parolado, S-ro Hubert aludis pri la komuna intereso ekzistanta inter la eŭropaj nacioj koncerne la koloniigadon kaj priparolis la francajn metodojn uzatajn por la koloniigado de okcidenta Afriko. Estus, laŭ li, plej dezirinde, se la diversaj nacioj studus unu de la alia la metodojn de civilizigo kaj sistema koloniigo.

L. K.

### Statistiko

*Britujo.* — Oni publikigis statistikon pri la nombro de la homoj, kiuj, dum la lastaj 20 jaroj, estis okupitaj en la komerca ŝiparo. Tiu nombro restis proksimume sama, 180.000 ĝis 190.000, sed la proporcio de la homoj okupitaj sur la vapor-kaj velŝipoj aliiĝis : en 1885 estis 31.000 homoj sur la velŝipoj kaj 108.000 sur la vaporŝipoj ; en 1905 estis nur 31.000 sur la velŝipoj. Rilate al la danĝeroj riceveblaj, la meza nombro de la mortoj estas 14, 7 ‰ por la velŝipistoj kaj 7 ‰ por la vaporŝipistoj.

L. E.

*Pri la elmigrado.* — Granda Britujo, Germanujo, Italujo kaj Rusujo estas la landoj, kiuj liveras la plej multajn elmigrantojn. En Britujo, la nombro de la elmigrantoj duobliĝis de du jaroj, sed preskaŭ ĉiuj anglaj elmigrantoj iras en la britajn koloniojn. La nombro de la germanoj elmigrantaj estas, en la lastaj jaroj, de 22.000 ĝis 35.000 jare. Tiuj nombroj estas malpli gravaj ol antaŭ 40 aŭ 50 jaroj. Kontraŭe, la Italoj estas pli-kaj-pli elmigremaj : 130.000 en 1880, 350.000 en 1900, 530.000 en 1901. Parto de tiuj elmigrantoj iras nur en la mediteraneajn landojn, alia en la transoceanajn landojn, ĉefe Sud-Amerikon.

G.

### Teatro

*Parizo.* — Oni jus ludis novan komedion sentimentalan de S-ro P. Wolff, nome « La rivereto ». La enhavo, kvankam ne tre nova, estas sufiĉe kortuŝa kaj tre parizana, laŭ la maniero alprenita de la aŭtoro.

*Germanujo.* — La berlina cenzuro malpermesis la ludadon de dramo titolita « Reĝo Ludoviko », en kiu estis aludoj, cetere pli-malpli veraj, pri la estinta reĝo de Baverujo, la protektinto de Wagner.

*Kartago.* — Grandaj festoj okazis plensukcese ĉe la loko de la malnova Kartago kun granda soleneco. S-ino Delarue, S-ro Grandmougin prikantis per flamaj versoj kaj kantoj la estintan urbegon, kies ruinoj nun kuŝas en silento, momente rompita de la sonado de l'voĉoj.

C. P.

# ESPERANTO PRAKTIKA

### Nia Enketo-Konkurso

Ni komencos publikigi en nia venonta N° la rezultatojn de la unua serio de nia Enketo-Konkurso pri la kosto de la nutrajoj, por kiu ni ricevis zorge faritajn respondojn de niaj gelegantoj. Tial ke ni atendas ankoraŭ diversajn respondojn pri la premioj, ni devas prokrasti ĝis la n° 6 la kondiĉojn de la *dua* serio de nia Enketo-Konkurso. Ni nur diru, ke multaj agrablaj surprizoj estas rezervitaj al la konkursontoj, en la formo de multenombraj kaj utilaj *premioj.*

# KONSULAJ INFORMOJ

Por respondi diversajn demandintojn, ni ĉi-sube klarigas la servojn, kiujn ni faras al la Esp. konsuloj kaj Oficoj, kiuj pagas monhelpan abonon da 10 fr. al ESPERANTO. 1e Ni presigas senpage iliajn adresojn ĉiunumure. 2e Ni presigas iliajn sciigojn (informojn pri ilia kreo, organizo, la servoj speciale faritaj de ili k. t. p.). 3e Ni presigas la anoncojn de la personoj, kiuj petas la servojn de la Esp-Of. Ekzemple, se iu en Bourg deziras sendi siajn infanojn en anglan familion por ke ili pasigu tie sian libertempon, li povos sin turni al la Esp-Of. en Bourg, kiu sendos al ni anoncon presotan en ESPERANTO. Poste ĉiuj anglaj Oficoj leginte ĝin afiŝos tiun anoncon kaj ĝin tradukos anglen, tiamaniere ke ĝi estu konata de ĉiuj. Se iu deziras korespondi aŭ rilati kun ia fremdulo pri difinita temo, li bezonos nur sin turni al la konsulo aŭ Ofico de sia urbo. Se tiu konsulo estas monhelpanta abonanto de ESPERANTO, ni senpage presigos tiun anoncon, kiu, per la aliaj konsulejoj, estos konigata al ĉiuj interesebluloj Estas tre dezirinde, ke ĉiuj Esp-Of. kaj konsuloj aliĝu kaj profitu tiujn favorajn kondiĉojn. Iom post iom, nia jurnalo fariĝos la komuna organo de tiuj entreprenoj, kiuj ĝis nun ne povis sin konigi kaj utili kiel dezirinde, nur pro tio, ke ili ne havis ian komunan ligilon.

***

**Bourg** (Ain-Francujo). La sekretario de la Esp-Of. estas preta por doni letere aŭ buŝe informojn pri turismo, somerrestado en Jura montaro kaj pri la mirinde konata preĝejo de Brou (sendas vidajojn de tiu preĝejo).

**Bradford** (Anglujo). — Esperantista Konsulo de la grupo. A. Tuke Priestman, 12 Exchange Buildings-Bradford.

**Chaux-de-Fonds** (Svisujo). — Konsulo : S-ro Bourquin, r. Leopold Robert.

**Le Creusot** (Francujo). — Konsulo, Esp-Ofico, Vendejo, biblioteko, k. t. p.

**Dover** (Anglujo). — Konsulo : J. M. Finey, Admiralty House.

**Genève** (Svisujo). Esperanto-Konsulejo, 8, rue Bovy-Lysberg. Respondas senpage ĉiujn sciigojn pri la urbo kaj regiono. Oni nur aldonu poŝtmarkon por la respondo. Baldaŭ sciigos pri sia agado ĉe la komercistoj.

**London. S. E. Hithergreen.** Konsulo : J. W. Baxter, Longhurst road 4.

**Mâcon** (Francujo). — La Esp. grupo organizas ekspozicion esperantistan, kiu okazos proksimume en la monato oktobro. La komercistoj ĉiufakaj kaj ĉiulandaj estas treege petataj sendi al S-ro Prunot, libristo, aron de siaj prospektoj, katalogoj, prezaroj, k. t. p. Ili estos elmontrataj kaj senpage disdonataj al la vizitantoj, se nur ili estas Esperante redaktitaj.

Ĉiuj konsuloj, Esp. Oficoj, grupoj, k. c. estas treege petataj konigi ĉi tiun avizon al la komercistoj de sia urbo.

**Parizo** (Francujo). Franclanda Esperantista Industria kaj komerca Societo. Por ĉiuj informoj sin turni al la sekretario S-ro A. Lefèvre, 23, rue Stephenson, Paris-18e.

**Roanne** (Francujo). — Konsulo : S-ro Bousquet, liceo de Roanne.

**Romo** (Italujo). Esp-Konsulejo, Fotografia Dottarelli, 29 via Belsiana.

**Roubaix** (Francujo). Konsulo : A. Denis, 86, rue du Moulin-Roubaix.

**St-Etienne** (Francujo). Esperanto-Konsulejo. — Taverne Alsacienne, place Marengo.

**Valence** (Francujo). Konsulo : J. Delfour, kolegiestro.

**Hegi-Winterthur** (Svisujo). — Socia Informejo. S-ro Gustav Schwengeler, Esperanto-Ofico.

FELIETONO DE "ESPERANTO" 5

# La £ 1.000.000. Banka Bileto

el **Mark TWAIN**

(trad. P. A. H. MUSCHAMP)

« Nu, nu, nu, ĉi tio estas surprizo ! Jam kelkafoje mi vidis vian nomon kune kun la moknomo, sed neniam mi imagis, ke eble *vi* estas la Henriko Adamo pri kiu oni parolis. Nu, antaŭ nur ses monatoj vi oficlaboris ĉe Blake Hopkins en San Francisco kaj nokte vi helpis min por ordigi kaj kontroli la skribaĵojn kaj statistikojn de la *Gold-kaj-Kori'a Etendo ;* ĉu vere vi estas en Londono, vi, milionulo kaj famega glorulo ! Nu, estas renaskita rakonto de l'Arabaj Noktoj. Homo, mi tute ne povas ĝin enkapigi, ne povas ĝin imagi ; donu al mi tempon por ordigi iomete la konfuzecon en mia kapo. »

« Efektive, Lloyd, vi ne povas miri pli ol mi. Mi ankaŭ ne povas kredi, ke ĝi estas vera. »

« Dio mia, estas mirindege, ĉu ne ? Nu, precize antaŭ tri monatoj ni iris kune en lo restoraciejon de l'ministoj ».

« Ne, en la « Kiel vi fartas ».

« Prave, ĝi estis la « Kiel vi fartas » ; mi tien iris je la dua matene, kaj englutis kotleton kaj kafon post seshora klopodado pri tiuj skribajoj de l'Etendo. Tiam mi penis konvinki vin, ke vi venu Londonon kun mi ; mi proponis havigi por vi liberan tempon, elpagi ĉiujn viajn elspezojn kaj doni al vi ion plie, se mi prosperus efektivigi la vendon ; sed vi ne volis aŭskulti, dirante ke mi ne prosperos kaj ke vi ne deziris perdi la negocemon. Tamen, jen vi estas. Kiel strange estas ! Kiamaniere vi venis kaj kio donis al vi tian nekredeblan sukceson ? »

« O, nur okaze fariĝis. Estas longa rakonto — kvazaŭ romano. Mi ĉion rakontos pli malfrue, sed ne hodiaŭ. »

« Kiam ? » — « Je la fino de ĉi tiu monato ». — « Tio estas pli ol du semajnoj, dum kiuj mi devas atendi. Vi tro elartikigas mian scivolecon. Faru ĝin nur unu semajnon. » — « Neeble. Vi scios la kialon baldaŭ. Sed kiel iras via negoco ? » — Lia gajeco malaperis kiel elspirajo, kaj ekĝemante li diris : « Vera profeto vi estis, Ha, vera profeto. Mi bedaŭras, ke mi venis. Mi ne deziras paroli pri tio. » — « Sed tion mi volas. Vi venu hodiaŭ vespere kun mi hejmen kaj vi diru al mi ĉion» . — « Ĉu vere mi povas ? Vi ne ŝercas ? » kaj liaj okuloj malsekiĝis.

« Sed mi deziras aŭdi la tutan rakonton, ĉiun vorton ». — « Mi estas tiel dankema ! Nun trovi ree homan intereson, en voĉo kaj en okulo, pri mi kaj miaj aferoj, post tio, kion mi tie ĉi suferis — dio ! Por tio mi genufleksus ! » Li premegis mian manon, rekuraĝiĝis kaj poste estis tre gaja kaj vivoplena atendante la vespermanĝon. La Angloj ĉiam vespermanĝas antaŭ ol eliri por vespermanĝo, ĉar ili scias kion ili riskas ; sed neniu avertas la fremdulon, kiu kviete eniras en la enfalujon. Nature tiun ĉi fojon, neniu suferis pro tio, ĉar neniu el ni estis novulo, escepte Hastings, kaj al li la ministro tiam sciigis, kiam li invitis lin, ke, konforme al la Angla kutimo, la vespermanĝo ne okazos. En la manĝoĉambro solene procesiis sinjoro kun sinjorino, ĉar tian kutimon oni ĉiam plenumas ; sed tiam komencis la disputo. La duko de Shoreditch deziris la antaŭirecon, kaj volis sidi en la honora loko, dirante ke li estas pli altranga ol ministro, kiu nur anstataŭas nacion, ne monarĥon ; sed mi postulis mian rajton kaj ne volis cedi. En la jurnaloj, mi okupis pli altan rangon ol ĉiuj dukoj nereĝaj ; tion mi diris, kaj tial mi postulis antaŭirecon antaŭ ĉi tiu homo. Nature, nenion oni povis decidi, malgraŭ nia penado, kaj kiam li fine (kaj malprudente) volis insisti pri sia antikva kaj alta maskiĝo, mi antaŭvidis, ke li aludos *William Ian* pro sia nomo, kaj mi antaŭaludis *Adamon*, kies rekta ido mi estas, kiel mia nomo montras, dum *li* estas malrekta, kiel montras lia kaj lia malantikva normanda deveno ; tial ni reprocesiis tra la salono kaj englutis manĝeton perpendikulare — plenteleron da sardeloj kaj unu fragon ; tion ĉi oni, grupiĝinte, manĝis starante. Jen, la religio de antaŭireco estas malpli energia ; la du plialtranguloj jetas aeren ŝilingon, la gajninto ekmanĝas antaŭe sian fragon, kaj la malgajninto enpoŝigas la ŝilingon. La du sekvantaj plialtranguloj jetas simile, kaj tiel plu.

Post la refreŝiĝo, oni alportis tablojn, kaj ĉiuj ni ekludis kribeĝon (kartludo), ses pencojn po ĉiu ludo. La Angloj neniam kartludas por amuziĝi. Se ili ne povas aŭ gajni, aŭ malgajni ion, — malgrava afero — ili ne volas ludi.

Mi pasigis belegan momenton ; precipe du el ni, fraŭlino Langham kaj mi. Mi estis tiel ensorĉita, ke mi ne povis kalkuli la kartvalorojn ; kiam mi gajnis, tiam mi neniam rimarkis, sed daŭrigis la ludon, rekomencante la kalkulon de la komenco ; tiamaniere mi estus malgajninta ĉiujn ludojn, se la karulino ne estus same farinta, ĉar ŝi estis en precize sama stato kiel mi ; sekve nek unu, nek la alia trafis iam la ludcelon, kaj ni eĉ ne pensis miri pri la kialo ; mi nur sciis, ke ni estas feliĉaj, kaj ne deziris scii ion ajn plie, kaj ne volis esti interrompataj. Kaj mi diris al ŝi — jes vere — mi diris, ke mi amas ŝin ; do ŝi — nu, ŝi, ruĝiĝadis ĝis ŝiaj haroj estis ruĝaj, sed ĝoje ŝi aŭkultis ; jes, tion ŝi diris : « O, neniam estis tia vespero ! » Mi markis la kalkulon ĉiufoje, mi aldonis postskribajon ; ĉiufoje ŝi markis, ŝi aldonis ricevateston. Nu, mi eĉ ne povis diri « Du pro liaj kalunoj », ne aldonante « Dio, kiel vi estas dolĉa ! » kaj ŝi respondis « Dekkvin du, dekkvin kvar, dekkvin ses, kaj paro estas ok, kaj ok estas dekses — ĉu *vere* vi pensas tion ? » ekrigardetante de sub ŝiaj okulharoj, vi scias kiel, tiel ĉarme kaj rave. Ha, estis vere tro — tro !

Nu, mi estis tute honesta kaj nekaŝema ; mi rakontis, ke mi ne havis eĉ centimon en la mondo, sed nur la milionlivran bankbileton pri kiu ŝi tiom jam aŭdadis, kaj *ĝi* ne alpartenis al mi. Tio elvokis ŝian scivolon, kaj tiam parolante mallaŭte mi eldiris la tutan rakonton, kaj ĝi preskaŭ mortigis ŝin, ridegigante. Kion ŝi trovis ridinda, mi tute ne komprenis, sed, jen, ŝi ridis, ĉiuduonminute nova detalo ŝin amuzis, kaj devigate mi haltis dum almenaŭ minuto kaj duono por ke ŝi iomete retrankviliĝu. Nu, ŝi vere lamiĝis pro ridado ; ion similan mi neniam vidis. Mi volas diri, ke neniam mi vidis ĉagrenan rakonton pri ies doloroj kaj malagrablajoj kaj timoj tiel efikanta. Tial mi ŝin amis ankoraŭ pli, ĉar ŝi povis esti tiel gaja kiam tute ne estis kaŭzo de gajeco ; jen speco de edzino, kiun mi bezonus, se miaj aferoj ne ŝanĝiĝus. Kompreneble, ni devis diri, ke ni devos atendi du jarojn, ĝis mi elpagos miajn ŝuldojn per mia estonta salajro ; sed ŝi respondis, ke ĝoje ŝi atendos ; ŝi nur esperis, ke mi estos tre zorgema por ke mi ne tro pligrandigu la elspezojn, ĉar ŝi ne volis, ke mi distranĉu ion de mia triajara salajro.

*(daŭronta.)*

## DIVERSAĴOJ

*Esperanto kaj Ruĝa Kruco.* — La ĉiulandaj esperantistoj estas treege petataj uzi sian influon al la estroj de la Ruĝa Kruco en sia lando por ke, ĉe la venonta Konferenco de la Ruĝa Kruco okazonta en Londono dum la monato julio, la demando pri Esperanto estu prezentata kaj diskutata.

*Esperanto kaj Kongresoj.* — La dancinstruistoj havos, de la 10a ĝis la 15a de Junio, sian proksiman Kongreson en Barcelono, kaj, dum prepara kunveno, ili voĉdonis gravan decidon : ili decidis uzi Esperanton. Niajn gratulojn !

*Blazonŝildo por la Konsulejoj.* — La disvastiĝo de la ideo pri konsulejoj kaj oficejoj instigis kelkajn personojn deziri aŭ proponi la kreon de blazonŝildo por la konsulejoj. Por ebligi al la konsuloj la elekton de la ŝildo, *Tra la Mondo* represos en la aprila N° kelkajn modelojn proponitajn petante la opinion de la interesatoj por definitiva propono. Ni altiras pri tio la atenton de la konsulejoj, kiuj povos sin turni al ni por ricevi la Non de la dirita revuo.

*Novaj konsulejoj.* — S-ro A. de Marich kreis konsulejan oficon en Budapeŝt, kie ĉiuj samideanoj trovos konsilon, kondukon, informojn kaj maklerojn en komercaj aŭ ĉiuj ajn rilatoj. Budapeŝt IX, Ullöi út 59. Nova konsulejo en München. S-ro Meier estas konsulo. Brieffach, München I.

*Ekskurso.* — La Esp. Klubo de Calais organizas por la 20a de Majo grandan ekskurson ĉe Folkestone, angla urbo apud la maro. La esperantistaro de Folkestone faros bonan akcepton al siaj amikoj de Calais kaj ĉiuj geesperantistoj estas invitataj respondi al tiu afabla invito. Kosto de la bileto fr. 6,60. Sin turni al S-ro A. Herrman. 3, boulevard Lafayette.

*Enketo pri Enketo.* — La sukceso de la Internacia Enketo pri Edukado malfermita de nia interesa familia revuo. *Tra la Mondo* instigis la direktoron prepari novan enketon. En la aprila N° estos konigataj la kondiĉoj de prepara enketo celanta ekscii, de la legantoj mem, la estontan temon de la definitiva enketo. Ni forte altiras la atenton de niaj gelegantoj pri tiu nova iniciato de nia bonega kunfrato. Estos dediĉataj valoraj premioj.

*Esperanto kaj blinduloj.* — Monkolekto estas organizita de kelkaj niaj kunfratoj por ebligi al la blinduloj la veturadon al la 3e kongreso. Ni forte esperas, ke niaj legantoj bonvolos ankaŭ sendi sian donacon ; plej malgrandaj sumoj estas akceptataj. Oni povas sendi al Tra la Mondo, Meudon-France aŭ al Lingvo Internacia, 33, rue Lacepède, Paris.

***

*Svisa Kongreso Esperantista* (El speciala korespondanto). — Pli ol 130 delegitoj el la diversaj svisaj grupoj esperantistaj kunvenis en Neuchâtel la Pasklundon 1an de Aprilo. La organizantaro estrita de S-ro Strœhle fervore laboris por sukcesigi tiun kunvenon kaj ĝi plej laŭdinde plenumis sian taskon. Matene, okazis la vizito de la interesa muzeo de l'urbo ; poste sekvis ĝoja festeno, en kiu partoprenis ĉiuj gekongresintoj. Tostoj de S-roj Schneeberger, Privat, de Saussure, Bonjour, Adam Zamenhof, la filo de nia majstro entuziasme aplaŭdata, Strœhle, Evstifejeff (Rusujo), Jost, k. t. p.

En la posttagmezo okazis la oficiala kunveno en la granda halo de l'Akademio. La kunveno daŭris tri horojn. S-ro Privat raportis pri la ekzamenoj ; estis decidite organizi ekzamenojn por atesto pri lernado kaj diplomo pri kapableco. La svisa juĝantaro konsistos el S-roj Schneeberger, Privat, Hodler, Wenger, Herz, Lehner. S-ro Schmid, sekretario de la S. E. S. parolis pri propagando ; sekvis diskuto, en kiu S-ro Hodler atentigis la kunvenantaron pri la neceseco krei en ĉiuj svisaj urboj kaj urbetoj Esperanto-Oficojn por utiligi Esperanton al la neesperantistoj citante la ekzemplon de Bourg kaj aliaj lokoj. S-roj Waltisbühl kaj Mallet raportis pri la konsulejoj ; sub la propono de S-ro Mallet, estis principe decidite, elekti centran konsulon por Svisujo. S-ro Waltisbühl parolis pri la bonaj rezultatoj atingitaj de sia konsulejo danke al la afiŝejo. Post raporto de S-ro Feijerabend pri la 3a kongreso, la kunvenantaro disiĝis kaj vizitis la kastelon kaj aliajn vidindaĵojn. Vespere, nova festeno ĝojigita per multaj agrablaj deklamoj, komedietoj, monologetoj, k. t. p.

Mi ne bezonas diri, ke en la tuta tago oni parolis nur Esperante ; tio estas tiom pli necesa, ke en ĉiu svisa kunveno partoprenas diverslingvanoj : francaj, germanaj, italaj. Svisa kongreso estas do kvazaŭ bildo de internacia kongreso. A.

## IIIe Kongreso Esperantista

*Ekskursoj dum la Kongreso. — Kunvenejoj. — Kosto de la biletoj. — Diversaj informoj*

Ni de nun regule enpresos informojn pri la IIIe Kongreso, kiujn bonvolos sendi ano de la Trio por la Trio speciale por la legantoj de *Esperanto.*

La Trio havas la plezuron sendi hodiaŭ kelkajn detalojn pri la aranĝoj jam efektivigitaj por la Tria Kongreso de Esperanto, kiu okazos en Kembriĝo inter Aŭgusto 12-17 tiun ĉi jaron.

Multaj esperantistoj jam estos kunvenintaj en la kongresan Urbon du tagojn pli frue, kaj pro tio ni organizos kelkajn neoficialajn kunvenojn kaj Diservojn Romkatolikajn kaj Anglajn, kompreneble en Esperanto, por sabato kaj dimanĉo 10 kaj 11. La oficiala malfermo de la kongreso okazos lundon 12 Augusto, kaj lia moŝto la urbestro de Kembriĝo oficiale akceptos nin. La urbestraro tre malavare donis al ni la senpagan uzon de ĉiuj urbaj konstruaĵoj el kiuj ni uzos la Gren-Vendejon kiel grandegan manĝosalonon en kiu 1000 personoj povos kune manĝi je malkaraj prezoj kaj la Urbodomon por nia ĉiutaga kunvenejo. Dum la daŭro de la Kongreso estos ĉiutage tre allogaj ekskursoj sur la kamparon, en la Kolegion kaj interesajn fabrikejojn de Kembriĝo, al Ely por viziti la Katedralon, en la ĝardenon urban por vidi ekspozicion de Modelaj Dometoj kaj de Britaj Sportoj, Granda Nokta festeno kun lumigitaj boatoj sur la rivero, Granda Nacivesta Balo, k.t.p.

Kelkaj centoj da neanglaj samideanoj jam sciigis pri sia intenco ĉeesti, kaj do estas jam certe ke la Tria estos Kongresego vere internacia.

La Trio esperas tie akcepti multajn legantojn de ESPERANTO, kaj plezure sendos sciigojn laŭ peto. La kosto de la bileto estos, por Francoj kaj Svisoj 10 frankoj, kaj por la aliaj nacioj, la duono de la ordinara ora monero de la lando. Ekz. Angloj pagos 10 ŝilingojn, Germanoj 10 markojn, Rusoj 5 rublojn, Amerikanoj 2 1/2, k.t.p. Personoj malpli ol 17 jaraj pagos nur kvaronon. Tiu ĉi bileto donos grandajn rabatojn je ĉiuj britaj kaj multaj fremdaj fervojoj, donos eniron en ĉiujn oficialajn kunvenojn, k.t.p. Ni kore esperas, ke la Kongreso ne postlasos monan deficiton, kaj en la okazo se estas ia profito, tiu profito estos donata dutrione al la Centra Oficejo por repagi al ĝi la monon jam malgajnitan ĉe antaŭaj Kongresoj, por starigi Kongresan Kason. por helpi estontajn kongresojn, se necese. kaj unutrione al la nacia grupo akceptinta la Kongreson por helpi la nacian propagandon.

Ĉiuj amikoj do, venante al la Kongreso, helpas samtempe Esperantan progresadon kaj, ni plene fidas, ĝuos tre feliĉan ekskurson tra Esperantujo.

La Trio estas la nomo de la Organiza Komisio, kiu klopodas pri ĉiuj kongresaj aranĝoj, kaj de kiu oni devas peti ĉiajn sciigojn. La membroj de tiu Komisio estas Dr G. Cunningham D. M. E., Kol. Pollen C. I. E. LL. D. M. K. kaj H. Bolingbroke Mudie O. K. L. K., kiu estas la hon. Sekretario.

Tiu Komisio kore salutas la legantojn de ESPERANTO.

H. B. M. 13 Arundel str. Strand
London W. C.

### INTERNACIA SOCIETO DE LA ESPERANTISTAJ JURISTOJ

Oficiala Informilo

La *Internacia Societo de la Esperantistaj Juristoj* (I. S. E. J.) fondita dum la IIa kongreso esperantista havas celon krei kaj konservi intersiaj anoj aferajn rilatojn, konigi al la fremdaj juristoj la samideanajn kunfratojn aŭ jurlaborantojn en ĉia lando; ebligi la sendon de aktaro en la plej malproksimajn landojn, kun certeco trovi tie korespondanton, kiu parolas kaj scribas Esperante, unuvorte unuigi la Esperantistajn juristojn de ĉiuj landoj. Jam aliĝis anoj de pli ol 15 landoj.

La jara kotizaĵo kostas fr. 2,50 (2 ŝ ; 2 m). ESPERANTO estas la oficiala organo de la I. S. E. J. kaj enpresas en ĉiu No la avizojn, kiuj koncernas ĝin. La anoj de la I. S. E. J. regule ricevas la jurnalon, sen plua pago.

Por ĉiuj informoj, sin turni al *S-ro Sergeant* sekretario, *31, boulevard Mariette, Boulogne-s-Mer* (Francujo), al kiu devas esti ankaŭ sendataj ĉiuj artikoloj, petoj de la anoj, novaj aliĝoj, k. t. p.

## ANONCETOJ

Por faciligi la rilatojn kaj korespondadon inter niaj diversnaciaj legantoj, ni de nun malfermas specialan rubrikon « Anoncetoj », sub kiu niaj legantoj povos, laŭ treege malkara tarifo, enpresigi demandojn, petojn pri korespondantoj, avizojn, k. t. p. Tial ke ESPERANTO estas nun la plej disvastigata kaj la plej legata el ĉiuj esperantaj gazetoj, ĉiu anonco en ĝi estos ĉie konigita de ĉiuj diverslandaj esperantistoj.

*Kosto.* 20 centimoj (2 pencoj, 10 pfenigoj) por ĉiu linio.

Rabato da 25 % por 6 enpresoj.

Niaj abonantoj rajtos enpresigi 3 liniojn unufoje senpage.

Oni sendu al ni la anoncetojn antaŭ la 5 kaj 20 de ĉiu monato, aldonante la monon. Poŝtmarkoj estas akceptataj. Oni skribu plej legeble.

**London.** S. E. S. R. Marŝal, 92 Longhurst road, Lee-La Kakstona grupo plezure korespondos kun ĉiulandaj presistoj kaj ankaŭ doni sciigojn pri la presarto en Londono, pri la venonta kongreso kaj aliaj aferoj.

**Zurich** (Svisujo) Neumarkt 5-Socialista Esp. Grupo. Por fondi bibliotekon, la grupo petas ĉiujn gesamideanojn pri libroj, gazetoj, propagandiloj k. t. p. Korespondado per kartoj aŭ leteroj estas dezirata.

**St-Peterburgo.** Bol. Podjaĉeskaja. S-ro Korvin Saković. La studentoj aprobantaj la ideon de fondiĝo de Studenta Esp. Tutmonda Societo bonvolu sendi sian aprobon laŭ la supra adreso.

**Bourg** (Ain-Francujo), Esperanto-Ofico. — Oni deziras korespondi kun klera homo loĝanta en Kalifornio.

**Mâcon** *(Francujo)* S-ro A, Coutet, 7 r. des Chantiers. — Fondiĝis Amika societo de la Kolektantoj de ilustritaj poŝtkartoj. Por informoj, sin turni laŭ la supra adreso.

**Tokio** *(Japanujo).* S-ro Oshio Tachibana, 1 Hinoki Cho, Akasaka, deziras korespondi kun alilandanoj.

**Sagaken** (Japanujo). S-ro Sakuichi Senju, 26, Hyogo Mura Saga Gun, deziras korespondi kun alilandanoj.

**Enisejk** (Siberujo). — S-ro Romano Frenkel, inspektoro de gimnazio. Intencas eldoni « Esperanta'n Krestomatio'n por la Infanoj ». Tial li petas ĉiujn esperantistojn sendi al li tradukojn en Esperanto el iliaj naciaj krestomatioj, almanakoj, jurnaloj kaj diversaj kolektoj por la infanoj kaj junuloj : rakontojn, rakontetojn el kelkaj linioj, grandajn rakontojn, novelojn, fablojn, fabelojn, popolajn rakontojn kaj fabelojn, enigmojn, problemojn, proverbojn, versaĵojn, *ilustraĵojn, ilustritajn rakontojn*, artikolojn pri historio, geografio kaj natursciencoj, ktp. Pro ĉio sendota mian antaŭan koran dankon.







## ATENTU !

Kursanoj de Esperanta Kurso en Norda Politekniko, 180 Holloway Road, London N. (Anglujo) transsendas al samideanoj kiuj bonvolos sendi al ili ilustritan poŝtkarton vidajkarton de l'Kongresurbo **Kembridĝo,** kun sciigoj pri tiu urbo.

## Monata kroniko

Marto 1907

La jus pasinta monato estis certe pli agitata ol la antaŭa. La dua rusa Dumo kunvenis, sed oni povas ĝis nun ricevi nenian certan montron pri la estonteco, ĉar en tempo de revolucieco eĉ la plej lerta historiisto kaj kritikisto devas rigardi, kaj ne antaŭvidi : la neatendito estas la sola leĝo. La politika situacio de la nova delegitaro ne estas tute la sama kiel en la unua. En tiu ĉi, la partio de la « Kadoj » okupis preskaŭ la tutan deputataron ; la partioj socialistaj unuflanke, kaj registaraj aliflanke ne havis riprezentanton. La proporcio nuna estas pli ekvilibrigita : la ekstremaj partioj, ĉu dekstrumaj, ĉu maldekstrumaj, gajnis la lokojn antaŭe okupitajn de la « kadoj ». Sed tamen de tiuj lastaj ĉefe dependas la politika sintenado de la Dumo kontraŭ la registaro : por eviti novan forpermeson de la delegitaro, ili estis tre singardemaj, kaj eĉ en diversaj okazoj voĉdonis kun la dekstrumaj partioj. Kio ajn estas, nenia laboro preciza estis farita. S-ro Stolypin en sia malferma parolo aludis pri seriozaj progresoj farotaj, sed pri ilia realiĝo restas tre skeptika la publika opinio. Notinda estas la vorto de la ministrarestro : « Rusujo devas fariĝi konstitucia regno ». Intertempe mortis fervora subtenanto de la aŭtokratia principo, Pobiesdonoszef, kiu ĉiam kontraŭstaris al ĉiuj liberalaj ekpaŝoj de Rusujo.

Cetere, kiaj ajn estas la politikaj reformoj, se ilin ne akompanas la necesaj ekonomiaj progresoj, la civilizeco estas neplena. Tion montris Rumanujo, kies sinsekvaj kontituciaj registaroj, sin ne okupis pri la agrara demando. Tie la kamparanoj ribelis kontraŭ siaj bienposedantoj ĉefe Izraelidoj — por ricevi pli favoran sorton ; rezultis de tio ŝanĝiĝo en la registaro ; S-ro Sturdza formis novan liberalan ministraron, kiu, oni diras, ekstudos la manierojn por plibonigi la agraran demandon.

En Francujo okazis diversaj bedaŭrindaj malfeliĉoj. La terura ŝipeksplodo de « Iena » perdigis multegajn utilajn vivojn pro kaŭzoj ĝis nun ne tute elesploritaj. Poste neatendite mortis, en kortuŝa cirkonstanco, la glora ĥemiisto Berthelot, kiu estis unu el la plej belaj ekzemploj de la latina genio, kaj, apenaŭ tio estis forpasinta, alvenis el Marokujo sciigo pri la mortigo de franca kuracisto, S-ro Mauchamp. Tiu ĉi malĝoja fakto revokis la atenton pri Marokujo, kie, malgraŭ la decidoj de la Konferenco en Algesiras, ankoraŭ reĝas plej granda konfuzeco, kiun pliigas la pure naciaj konkuroj. Francujo, por ricevi la necesajn kompensaĵojn de la Maroka registaro, provizore, okupis Udja sed la Parlamento klare montris sian intencon forigi ĉian supekton pri almilito ; tion deklaris la riprezentantoj de la diversaj partioj. Tamen ĉio ĉi montras, ke la demando pri Marokujo estas ne solvata, kaj ke la diplomatiaj aranĝoj havas nenian povon, se ili flanklasas la intereson propran de la popoloj mem, pri kies sorto ili decidas. Cetere, la internaj aferoj nuntempe pli priokupas la francan popolon ol la eksterlandaj. La publikigo de la dokumentoj de la riprezentinto de la papo, Montagnini, ŝajnas elvoki skandalon, en kiu, laŭ la komuna esprimo, estos implicataj diversaj politikistoj. Kontraŭe, en Germanujo, la politika situacio estas trankvila, post la juĝo de la balotofatalo popola, kiu, post nelonga tempo, difinos la politikan sorton de Aŭstrujo, kaj ankaŭ de Hispanujo.

Ekster Eŭropo, en malmulte konata Centrameriko reĝas milito inter tri el tiuj respublikoj : Nikaragvo kontraŭ Honduraso kaj San-Salvadoro kunligitaj. Unuigitaj Statoj ne ankoraŭ enmiksiĝis en tiu disputo, kiu kredeble, laŭ la kutimo, estos solvata per internaj revolucioj kaj ŝanĝoj de registaroj.

La publika opinio en la granda Nord-Amerika respubliko estas okupita pri la financaj skandaloj, kiuj, ĉefe en la fervojaj kompanioj fariĝas tiel gravaj kaj vastaj, ke prezidanto Roosevelt intencas ekleĝigi por ilin, se ne ĉesigi, almenaŭ malpliigi. Sed, jen, laŭ lasthora informo, li mem estus implikata en alia balota monafero, ne ankoraŭ klarigita.

En Sud-Afriko, la Transvalanoj, laŭ sia nova konstitucio, balotis parlamenton en kiu la holanda partio havas la plimulton. Generalo Botha formis novan ministraron, kaj por montri sian sindonon al Anglujo, promesis veturi al la baldaŭa brita Konferenco, en kiu ĉeestos la delegitoj de ĉiuj anglaj kolonioj por priparoli la demandojn, kiuj koncernas la tutan vastan britan imperion. A. R.

12 APRILO 1907. Unu Numero : 10 CENTIMOJ TRIA JARO. — N° 5

# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

| ADMINISTRATION | PUBLISHING OFFICE | ADMINISTRATION |
| --- | --- | --- |
| 8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Suisse) | 8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Geneva (Switzerland) | 8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genf (Schweiz) |
| Abonnement annuel . . . . . . 3 francs | Yearly subscription . . . . . . 2s. 6p. | Preis pro Jahr . . . . . . Mk 2 50 |
| Un numéro . . . . . . 10 cent. | Separate copies . . . . . . 1d | Einzelne Nummern . . . . . . Mk 0 10 |
| On s'abonne à l'Administration ou auprès des agents locaux | Subscriptions payable to the Publishers or the Local Agents | Abonnements Preise sind zu bezahlen durch die Administration oder die Abgeordneten derselben |

## L'Esperanto et la Croix-Rouge

L'utilité de l'Esperanto pour l'œuvre de la Croix-Rouge est traitée à fond dans un petit livre de M. le Lieutenant Bayol « Esperanto et Croix-Rouge ». Voici à ce sujet comment s'exprimait le Dr Zamenhof: « La Croix-Rouge appartient à ces institutions qui ont le plus besoin d'un langage commun, facile à apprendre; car si les autres institutions ont affaire *quelquefois* seulement à des gens de langages différents et laissant la possibilité de chercher un traducteur, la Croix-Rouge *presque toujours* concerne des gens parlant des langues différentes et exige une compréhension *immédiate*. Les nobles travaux de la Croix-Rouge sur le champ de bataille perdent souvent leur valeur pour la raison seulement que sauveteur et sauvé ne se comprennent pas réciproquement. Si vous arrivez un jour à obtenir des gouvernements la convention que tout soldat partant en campagne apprenne les mots les plus importants d'une langue internationale, vous pourrez dire alors que vous aurez écarté des guerres une grande partie de leur calamité et que vous aurez rendu à la Croix-Rouge son entière valeur. »

Depuis longtemps, officiers, médecins, infirmiers, etc., ont reconnu le besoin criant d'une langue commune. Parfois, il s'agit, au milieu des calamités de la guerre, d'une question de vie ou de mort.

Où en est actuellement le mouvement esperanto-croix-rougiste?

Au cours du Congrès esperantiste de Genève, il a été voté à l'unanimité un ordre du jour en faveur de l'application de l'Esperanto aux divers services de la Croix-Rouge; il fut notamment recommandé aux esperantistes d'user de leur influence auprès des chefs du mouvement croix-rougiste pour que la question de l'Esperanto soit mise au programme des questions à discuter à la prochaine conférence internationale de la Croix-Rouge (Londres 1907). Bien que ceci soit de date récente, l'idée a depuis fait des progrès réjouissants. En Belgique, des conférences furent faites à Gand, Liège et Bruxelles. En Italie, le président de la Croix-Rouge italienne est saisi de la question. Après une conférence faite à Milan, il s'est montré très favorable à l'idée qu'il proposera au comité central de Rome.

A Berlin, s'organise une société pour l'introduction de l'usage de l'Esperanto dans les sociétés de la Croix-Rouge. En Suède, une active campagne dans ce sens a commencé. Au Japon, à Tokio, le mouvement est conduit non seulement par la société japonaise esperantiste, mais encore par les grands chefs de la Croix-Rouge du Japon. En France, de nombreuses conférences ont été faites par M. le Lieutenant Bayol dans des divers groupements croix-rougistes, des cours ont été organisés à la suite de ces conférences, d'autres vont être commencé incessamment. Rien n'entrave plus l'introduction de l'Esperanto dans les services de la Croix-Rouge; le vocabulaire est aujourd'hui complet pour tous les termes spéciaux dont peuvent avoir besoin les différents membres de cette institution, et permettent l'usage de la langue dans toutes les rencontres qui peuvent se présenter entre les membres des diverses sections de la Croix-Rouge, à quelque nationalité qu'ils appartiennent. Son adoption n'est donc plus qu'une affaire de temps, et de temps très court.

*Esperanto Journal.*

## Esperanto und das Rote Kreuz

Die Nützlichkeit des Esperanto für das Rote Kreuz behandeln wir auf Grund einer kleinen Broschüre « Esperanto und Rotes Kreuz », verfasst von Leutnant Bayol. Dr Zamenhof drückt sich dort über dieses Projekt folgendermassen aus: « Das Rote Kreuz gehört zu denjenigen Institutionen, die eine gemeinsame, leicht zu erlernende Sprache am nötigsten haben; denn wenn andere Institutionen *von Zeit zu Zeit* mit Leuten verschiedener Sprachgebiete Geschäfte abzuwickeln haben und ihren die Möglichkeit geboten ist einen Uebersetzer zuzuziehen, so verkehrt das Rote Kreuz *beinahe immer* mit Leuten, die verschiedene Sprachen sprechen, und erfordert eine *unverzügliche* Verständigung. Die edlen Werke des Roten Kreuzes auf den Schlachtfeldern verlieren oft ihren Wert aus dem einfachen Grunde, weil der Retter und der Gerettete sich gegenseitig nicht verstehen. Wenn es einmal gelingt mit den Guvernementen die Vereinbarung zu treffen, dass jeder Soldat, der an einem Feldzuge teilnimmt, die wichtigsten Wörter einer internationalen Sprache lernen muss, so wird man nachher sagen können, dass dadurch sehr viel Unglück vermieden werden kann und dass erst dann dem Roten Kreuz sein vollständiger Wert zukommt. »

Wieweit ist die Esperantobewegung beim Roten Kreuz bis jetzt vorgedrungen? Am Esperantokongress in Genf ist mit Einstimmigkeit eine Resolution zu Gunsten der Verwendung des Esperanto bei den verschiedenen Diensten des Roten Kreuzes gefasst worden; es wurde den Esperantisten namentlich empfohlen bei den Führern der Rot-Kreuzbewegung dahin zu wirken, dass die Frage des Esperanto in das Programm derjenigen Fragen aufgenommen werde, die bei der nächsten internationalen Konferenz des Roten-Kreuzes (London 1907) besprochen werden. Trotzdem dies in der neuesten Zeit geschehen ist, so hat die Idee doch schon erfreuliche Fortschritte gemacht. In Belgien sind in Gand, Liège und Brüssel Vorträge veranstaltet worden. In Italien ist der Präsident des italienischen Roten Kreuzes ein Verfechter der Idee. Nach einem Vortrag in Mailand hat er sich über die Sache sehr günstig ausgesprochen und wird sie dem Zentralkomitee in Rom unterbreiten. In Berlin hat sich eine Gesellschaft gebildet, die die Einführung des Esperanto in die Gesellschaften des Roten Kreuzes bezweckt. In Schweden hat eine eifrige Propaganda in diesem Sinne begonnen. In Tokio (Japan) wird die Bewegung nicht nur von der Japanischen Esperantistengesellschaft, sondern auch von den Führern des Roten Kreuzes in Japan unterstützt. In Frankreich sind von Herrn Leutnant Bayol zahlreiche Vorträge organisiert worden in verschiedenen Rot-Kreuzgesellschaften, die die Errichtung von Kursen zur Folge hatten; andere werden bald eröffnet werden. Nichts mehr steht der Einführung des Esperanto in die Dienste des Roten-Kreuzes im Wege; das Wörterbuch ist nun vervollständigt mit allen Spezialausdrücken, welche die verschiedenen Mitglieder dieser Institution nötig haben, und ermöglicht den Gebrauch der Sprache bei allen Zusammenkünften, die zwischen Mitgliedern verschiedener Sektionen des Roten Kreuzes abgehalten werden, gleichviel welcher Nationalität sie angehören

*Esperanto-Journal.*

## Esperanto and the Red Cross

The utility of Esperanto for the work of the Red Cross has been thoroughly gone into in a tract on that subject by Lieutenant Bayol. This is what Dr. Zamenhof says: "The Red Cross is one of those institutions where the necessity of an easily learnt universal language is felt the most. For, while an interpreter is occasionally required by other institutions, the Red Cross has almost always to treat with people speaking different languages, and who need to be *immediately* understood. The noble work of the Red Cross is often handicapped on the battle field by the fact that the rescuer and the rescued dont understand one another. Should you ever obtain from the different governments that every soldier should be taught a few words in some international tongue, the horrors of war would be diminished, and the work of the Red Cross would have a wider scope". For many years officers, doctors and assistants have felt the crying need of a common tongue. Often, it is a matter of life and death that depends on a few words spoken and understood.

"What progress does Esperanto make among the Red Cross people?"

At the Geneva Congress it was unanimously voted that Esperanto should be applied to several services of the Red Cross; it was particularly insisted upon that Esperantists should influence the heads of the Red Cross movement to discuss the Esperanto question at their next international Congress (London 1907). Although this proposal is of such recent date, the idea has already been very well received. In Belgium, lectures on the subject have been given at Gand, Liège and Brussels. In Italy, the president of the Italian Red Cross has taken up the question. After a conference at Milan, he expressed his approval of the idea and intends proposing it to the Central Committee at Rome.

At Berlin, a society has been organised for the introduction of Esperanto among the Red Cross societies. In Sweden an active movement has been made in the same direction. In Japan, at Tokio, the movement is forwarded not only by the Japanese Esperantist Society, but by the heads of the Red Cross in Japan. In France many lectures have been given by Lieutenant Bayol in different Red Cross centres, courses of Esperanto have followed up these lectures, others are actually being arranged. There is no obstacle that can hinder the introduction of Esperanto among the Red Cross officials; the vocabulary of special idioms facilitates the use of Esperanto by members of the Red Cross of every part of the world. Its ultimate adoption is but a question of months.

*Esperanto Journal.*

1) « Esperanto et Croix-Rouge » by Lieutenant Bayol, instructor at the Saint-Cyr Military School. (Paris, Presa Esp. Societo, 33 rue Lacépède). See also « Armée et Marine » (feb. 1907).

## L'Esperanto e la Croce-Rossa

L'utilità dell' Esperanto per l'opera della Croce-Rossa è dimontrata con molta competenza dal Luogotenente Bayol in un suo piccolo libro intitolato *Esperanto et Croix-Rouge*. Ecco come si esprime il Dott. Zamenhof su questo soggetto: « La Croce-Rossa appartiene a quelle istituzioni che hanno maggior bisogno di una lingua comune, facile ad imparare, perchè, mentre le altre istituzioni che mantengono qualche volta relazioni con genti di lingue differenti hanno la possibilità di servirsi di un traduttore, la Croce-Rossa invece mette in contatto *quasi sempre* genti che parlano lingue differenti e esige inoltre che si capiscano *immediatemente*. L'opera umanitaria della Croce-Rossa sui campi di battaglia perde di sovvente ogni valore, semplicemente perchè il ferito e l'infermiere non giungono reciprocamente a comprendersi. Quando si arrivasse ad ottenere da ogni governo la convenzione che ciascun soldato che parte per la guerra debba imparare le parole più utili di una lingua internazionale, si potrebbe pensare allora di avere tolto alla guerra una parte delle sue calamità, perchè si avrebbe reso alla Croce-Rossa tutto il suo valore. » Già da molti anni, ufficiali, medici ed infermieri hanno riconosciuto l'urgente bisogno di una lingua comune, là dove il più delle volte è appunto questione di vita o di morte.

A quale punto trovasi attualmente l'azione in questo senso dell' Esperanto per la Croce-Rossa? Durante il Congresso Esperantista di Ginevra è stato votato all' unanimità un ordine del giorno in favore dell' applicazione dell' Esperanto ai diversi servigi della Croce-Rossa; fu anzi raccomandato agli esperantisti di usare della loro influenza presso i capi della Croce-Rossa, perchè la questione dell' Esperanto sia inserita nel programma delle questioni da discutere nella prossima conferenza internazionale della Croce-Rossa (Londra C1907). Benchè cio sia di fresca data, l'idea ha fatto digià un progresso soddisfacente. Nel Belgio, si fecero delle conferenze a Gand, a Liegi e a Bruxselle; in Italia, il presidente della Croce-Rossa italiana se ne è occupato, e dopo una conferenza che ebbe luogo a Milano, si è mostrato favorevolissimo alla stessa idea e la proporrà al Comitato centrale di Roma. A Berlino si sta organizzando egualmente un comitato per l'introduzione dell' uso dell' Esperanto nelle società della Croce-Rossa. In Svezia un' azione energica in questo senso si è manifestata di già. Nel Giappone, a Tokio l'azione è diretta non solo dalla società giapponese esperantista, ma benanche dai capi della Croce-Rossa giapponese. In Francia numerose conferenze sono già state fatte dal Luogotenente Bayol nei diversi gruppi della Croce-Rossa, dei corsi di studio sono stati organizzati in segnito a queste conferenze, ed altri corsi stanno per esserlo. Niente più impedisce l'introduzione dell' Esperanto nei servigi della Croce-Rossa; il vocabolario è già completo per tutti i termini speciali di cui possono aver bisogno i diversi membri di questa istituzione, e permettono l'uso della lingua Esperanto in tutti i casi che possono presentarsi ai membri delle sezioni della Croce-Rossa, a qualunque nazionalità essi appartengano. La sua adozione non è più che questione di tempo, e di tempo brevissimo.

*Esperanto-Journal.*